50a Jaro — N-ro 6 — Novembro Decembro 1958a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

**REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA**

Asocio sen profita celo,
aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## RÊGA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo"
Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero : R. B. L. E. : 13.37.67)





Drukk. DE BAENE, Delaplacestr., 3, St.-Kruis

# Nova Jar-kvindeko komenciĝas

Per ĉefartikolo, en la januara numero de tiu ĉi jaro, ni atentigis pri la fakto ke tiam komenciĝis la 50a jaro de ekzisto de nia revuo.

Tiu kvindeka jaro fermiĝis per la numero de septembro-oktobro, kiu antaŭis tiun ĉi.

La nuna numero estas do la unua en la nova serio de kvindek pliaj jaroj, dum kiuj ni, por ankoraŭ eta parto, kaj niaj posteuloj, por la plej granda parto, daŭrigos la laboron de niaj antaŭuloj.

Tiuj antaŭuloj, kiuj komencis per numero " septembro-oktobro 1908a ", la eldonon de la nova revuo, — kiu devis anstataŭi la Idistiĝintan : " BELGA SONORILO ", de la unua Prezidanto de Belga Ligo, Komandanto Ch. Lemaire, — estis ĉiuj antverpenanoj. Temis, laŭalfabete, pri S-roj Léon Champy (iame : ĝenerala sekretario de la Ligo), Fr. Schoofs (iame ties prezidanto), A. Van den Biest-Andelhof (same), L. Van Laere kaj Oscar Van Schoor (iame : prezidanto de la plej malnova " Antverpena Grupo Esperantista " kaj de la L.K.K. por la XXa U.K. en 1928).

La nova organo estis ilia propraĵo kaj, en la unua numero, ili klarigis sian celon jene :

> « Ni estas esperantistoj, konvinkitaj admirantoj de la Esperanto de D-ro Zamenhof kaj de nenia alia.
>
> « Antverpeno estas la urbo, kie en Belglando Esperanto la plej sukcese floradas, la naskejo de Belga Ligo Esperantista, la urbo, kie okazos la Kongreso de 1910. (N.d.l.R. : iĝis 1911).
>
> « Nia revuo estas ido, — oni ne konfuzu kun IDO —, de la Antverpena esperantista samideanaro. Ĝi estas la infano de tiuj, kiuj jam de ses jaroj senlace bataladas por la disvastigo de la bela lingvo de Zamenhof.
>
> « Kuraĝe ni komencas la laboron por atingi la de ni priskribitan celon, rememorante ĉiam la devizon de nia lando :
>
> UNUECO DONAS FORTECON. »

Estas nur post la unua mondmilito, ke B.L.E. reprenis, de la ankoraŭ vivantaj starigintoj, la eldonon de la revuo, kiu, de tiam, iĝis LA oficiala organo de la Ligo.

Kaj de tiam, malgraŭ multaj kaj oftaj malfacilaĵoj, la pli malpli regula aperigo de nia revuo estis daŭre certigata.

Malfacilaĵoj kunlaboraj, malfacilaĵoj teknikaj, malfacilaĵoj financaj !

La malfacilaĵojn kunlaborajn, S-ro Fr. Schoofs kaj mi mem, kiuj direktis ĝis nun preskaŭ daŭre la eldonon, plej facile venkis, dank'al al ĉiam novaj helpemuloj ; la malfacilaĵoj teknikaj kaŭzis kelkfoje prokrastojn en la apero, sed neniam tro gravajn ; krom kompreneble dum la periodo de la du Mondmilitoj, kiam nia organo tute ne aperis.

La malfacilaĵoj financaj ofte estis tre gravaj, pro tio precipe ke, en la daŭro de sia ekzisto, B.E. konis la ĉiam plian malfortiĝon de

## Por la Zamenhofa Jaro.

**La Belga Prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj en la Patrona Komitato.**

Okaze de la Zamenhofa Jaro, la Internacia Organiza Komitato decidis starigi Patronan Komitaton kaj petis ke, en ĉiuj landoj, oni klopodu havigi al si la apogon de la plej altaj instancoj.

D-ro Kempeneers, prezidanto de B.C.K.E., ricevis de la hierarhie plej alta aŭtoritatulo en la Lando, Ŝtatministro Camille Huysmans, prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj, favoran respondon al la peto de la Belga Esperantistaro eniri tiun Patronan Komitaton.

Paŝoj estas nun ankaŭ faritaj apud du tuj sekvantaj aŭtoritatuloj kaj ni esperas ke ankaŭ ili respondos favore al nia demando, tiel ke Belgujo estu en la Patrona Komitato plej dece reprezentata.

**Ankaŭ la ĉefministro akceptis.**

Je la momento de presigo, ni eksciis ke ankaŭ S-ro Gaston EYSKENS, ĉefministro akceptis esti membro.

---

nia nacia mono, kiu ne ĉiam regule povis esti kompencata per plialtigo de la abon- kaj aliĝprezo.

Por ilin pli facile venki, R.B.L.E. decidis, antaŭ kelkaj jaroj, kunlabori sur la revua kampo kun aliaj Ligoj : Flandra Ligo, en nia lando, kaj la Nederlanda kaj Svisa Asocioj.

Tiu ĉi kunlaboro daŭris ĝis pasinta jaro, kiam parto de la partoprenintoj en tiu kunlaboro deziris repreni sian liberecon.

Kun Flandra Ligo, ni tamen daŭrigis intiman kunlaboron, kiu permesas prezenti al niaj legantoj tute propran revuon, absolute sendependan tamen, ĉefredaktatan de la Prezidanto mem de Belga Ligo ; kaj kiu, dank'al la duopa daŭrigo de la kunlaboro, prezentiĝas, nun jam dum tuta jaro, en tre beleta vestajo kaj kun, — laŭ la plimulto el niaj legantoj —, verekontentiga enhavo.

Ni nun, je la konkludo de tiu ĉi unua jaro de duopa kunlaboro kaj precipe je la komenciĝo de nia dua jar-kvindeko, volas danki tiujn en Flandra Ligo, kiuj kunlaboris harmonie kun ni al la regula aperigo de la du revuoj. Mi citas en unua vico S-ron G. Maertens, ĝeneralan sekretarion de Flandra Ligo, kiu prizorgas la preskaŭ ĉiutagajn rilatojn kun la presisto en sia loĝurbo kaj permesas lastmomentajn ŝanĝojn kaj finaranĝojn en nia revuo, kaj S-ron F. Roose, kiu kunigas la komune uzeblajn tekstojn, ensenditajn de membroj de ambaŭ Ligoj kaj de oficialaj instancoj en la eksterlando.

Ni, komprenehle, ĉefe dankas tiuin en propra Ligo, kiuj per sia kunlaboro, plifaciligas nian personan laboron.

Ni ne kuraĝas diri, — ĉar ni vere mensogus —, ke tiuj kunlaborantoj estis aŭ estas multnombraj . . . Sed despli varmaj estas nia dankesprimo al ili.

Kaj nun antaŭen por la plia periodo de kvindek jaroj, dum kiu nia revuo prosperu, kiel eble plej bele !

Maur. JAUMOTTE.



Aldono al : Ned. Esp. dec. 1958
Belg. Esp. nov./dec. 1958
Flandra Esp. nov./dec. 1958

Kongresa No.: ..................

## 6-a BENELUKSA ESPERANTO-KONGRESO

organizita de „La Estonto Estas Nia", Flandra Ligo Esp.
Reĝa Belga Ligo Esp. 16 - 17 - 18 de majo 1959.
HAARLEM

---

### ALIĜILO

Nomo: (preslitere)
S-ino/F-ino/S-ro ..................................................

membro de ..................

Adreso: ..................................................

deziras partopreni la 6-an Beneluksan Kongreson kaj samtempe pagas per poŝtĝirkonto No. 87554 de Haarl. Esp. Veren., Aart van der Leeuwstraat 21, Haarlem, por:

Kongreskotizo: .................. f ..........

Komuna varma lunĉo je dimanĉo: .................. „ ..........

Ekskurso (lunde): .................. „ ..........

Loĝado: 1 nokto/2 noktoj .................. „ ..........

Donaco al la Kongresa kaso: .................. „ ..........

Entute: f ..........

Subskribo:

Bonvolu trastreki kion vi ne deziras kaj sendu la aliĝilon al la sekretariino de la L.K.K. S-ino S. E. Labberté, Kleverparkweg 167, Haarlem.

Nepre atentu la dorsflankon!

Kotizoj: ĝis fino de januaro 1959 f 5.—.
de 1 febr. 1959 ĝis fino de aprilo 1959 f 6.—.

La kongreskotizo ne estas repagata, eĉ se la kongresano ne venas.

La enskribado fermiĝas definitive la 30-an de aprilo 1959.

---

Komuna varma lunĉo (dimanĉe) f 5.— (inkl. servmonon).

**Ekskurso.**

La ekskurso estas tuttaga. Forveturo el Haarlem je la 9-a matene, reveno en Haarlem proks. je la 4-a posttagmeze.

Vojo de la ekskurso: Haarlem, Velsen (tunelo), Alkmaar, Egmond, Bergen, Schoorl, Zaanregiono, (en Zaandam lunĉo), Santpoort, Bloemendaal (subĉiela teatro) Zandvoort, Haarlem.

Kostoj (inkluzive la lunĉon kaj servmonon) f 8.50.

Aliĝoj devas esti ensendataj **antaŭ** la 15-a de marto 1959.

**Loĝado.**

Pro la fakto ke nia kongreso okazas en periodo de granda vizitado de eksterlandanoj (florkampoj), ne estas eble al la L.K.K. rezervigi ĉambrojn en hoteloj.

Tial la L.K.K. estas devigata loĝigi la kongresanojn ĉe privatuloj.

La prezoj estas f 5.75 p. nokto (tranoktado kun matenmanĝo).

Eventualaj diferencoj en la prezoj estos regulataj je alveno de la kongresanoj.

Nepre necese estas ke la luprezo estu pagata **antaŭe.**

**La L.K.K. absolute ne povas rezervigi ĉambron sen antaŭpago.**

La L.K.K. ne povas garantii ion. Ĝi faros sian eblon kiel eble plej bone kontentigi la dezirojn de la mendontoj.

Repago de la luprezo en okazo de ne-veno estas neeble, ĉar la L.K.K. devas garantii ke la enskribinto venas.

Lasta dato de anonco: la 15-a de marto 1959.

La ĉambroj estos rezervita laŭ vico de pago.

## *Nia 5a Beneluksa kongreso en Haarlem.*

Estis tro malfrue por ankoraŭ enpresigi la informon en nia antaŭa numero, kiam estis findecidite ke la tri Ligoj, kiuj jam de kelkaj jaroj organizis komunan Kongreson sub la nomo de "Beneluksa Kongreso", tion daŭrigos, ankaŭ en 1959, malgraŭ la interrompo en tiu ĉi jaro, kiam Belgujo rezignis sian organizrajton pro la Universala Ekspozicio de Bruselo.

La proksima Kongreso estos do organizata dum la proksimaj pentekostaj tagoj, de la samideanaro de Haarlem, kie la loka Grupo cetere ore jubileas.

**Sabaton, la 6an de majo :**
Je la 14a malfermiĝos la Akceptejo.
Je la 16a : Akcepto de la Haarlema Esperanto-Societo : "Komprenado faras Pacon", okaze de ties 50-jara ekzistado.
Je la 17a : Oficiala Akcepto.
Je la 19.30a : Malferma Ceremonio.
Je la 20a : Interkona Vespero.
Je la 23a : Balo.
Je la 2a matene : Bonan nokton !

**Dimanĉon, la 7an :**
Je la 10.30a h. : Kunveno de la tri Ligoj (aparte).
Je la 12.30a h. : Komuna lunĉo.
Je la 14a h. : Daŭrigo de la jarkunveno de LEEN. Por ambaŭ aliaj Ligoj : vizito al Keukenhof.
Je la 18a h. : Komuna festmanĝo.
Je la 20a h. : Festvespero.

**Lundon, la 8an :**
Tuttaga ekskurso (aŭtobuse) tra Kennemerland kaj Zaanregiono. Reveno en Haarlem proks. je la 4a posttagmeze por adiaŭi.

Por la ekskurso oni devas sin anonci antaŭ la 15a de marto, por ke la aŭtobus-entrepreno povu rezervigi por ni la necesajn veturilojn.

La Kongreso mem okazos en la restoracio Brinkman, Grote Markt, atingebla, de la stacidomo, pere de la linio 1 (la aŭtobuso haltas sur la Grote Markt).

Ĝis la 31a de jan. 59, la kongreskotizo estas G. 5.— tio estas proks. Fr. 65, sed post tiu dato ĝi devos esti altigata ĝis G. 6, t.e. ĉirkaŭ Fr. 80.

Ĉiu do havigu kiel eble plej baldaŭ sian aliĝon, al la kasisto de sia Grupo aŭ rekte al la Kongresprizorgantinoj de sia Ligo.

### Geedziĝo.

Sabaton la 11an de oktobro okazis en Seraing la geedziĝo de du el niaj membroj F-ino Lucy Soyeur kaj S-ro Robert Montelet.

Ni kompreneble jam gratulis la du junajn geedzojn kaj ni rediras tiujn gratulojn, samtempe aldonante niajn plej korajn bondezirojn al la patro de la juna edzino, nia kara Vicprezidanto S-ro Joseph Soyeur.

Ni esperas ke la nova vivo de la simpatia duo estos kiel eble plej feliĉa.

## LA INTERNACIA PREMIO DE LA BELGA PERIODA GAZETARO.

En nia antaŭa numero, ni jam atentigis pri la granda sukceso de la esperanta partopreno en la konkurso organizita de la " Asocio de Belgaj kaj Eksterlandaj Periodaj Ĵurnalistoj ".

Inter la 27 ensenditaj artikoloj, estis 13 en franca lingvo, 6 en esperanto, 4 en nederlanda-flandra, 2 en germana-aŭstra, 1 en hispana-meksika kaj 1 en sveda lingvo.

Esperanto tie do havig's al si la duan lokon.

Ankaŭ ĉe la eliminaj aŭ forigaj operacioj, Esperanto bone sukcesis. Inter la tri konservataj por fina rangigo, estis unu esperanta, unu franca kaj unu germana, el Aŭstrujo.

Finfine, la juĝantaro decidis ke la Premion meritas S-ro Jénicot, kiu aperigis en franca lingvo artikolon en la revuo " Entre Amis ", kiu laŭ la juĝantoj plej bone respondis al la antaŭmetita temo.

S-ro Jénicot do ricevos la premion de 10.000 frankoj.

Kaj ni kore gratulas lin, same kiel la du, kiuj en lasta instanco forfalis, kaj ĉiujn aliajn, kiuj publikigis kaj ensendis Esperanto-artikolojn, kiuj helpis al kreado de favora atmosfero por nia lingvo, en medio kie ankoraŭ tromulte ekzistas miskompreno pri Esperanto.







## LA JUBILEAJ FESTOJ EN VERVIERS.

Ni, jam anoncis ke la Esperantista Grupo Verviers baldaŭ festos solene sian Oran Jubileon.

Intertempe tiu ĉi dissendis inviton, kun programo kaj aliĝilo. El tiu ĉi dokumento ni ĉerpas la jenon :

La invito iras al ĉiuj gesamideanoj en Belgujo kaj en la limregionoj.

La festoj fakte daŭros du tagojn, nome sabaton, la 13an kaj dimanĉon, la 14an de decembro proksima.

Jen do la programo :

**Sabaton,** ekde la 17a horo : Akcepto en la Teknika Lernejo, apud la stacidomo ;

Je la 20a horo : Zamenhofa Solenaĵo kun memorigaj paroladoj : deklamado, skeĉo, dancistino, filmo, kantoj kaj koncerto de " Royal Mandolina Klubo ", Verviers ; dancado.

**Dimanĉon :** je la 9,30a h. : Ĝenerala Kunveno, okaze de la Ora Jubileo, historio de la Grupo kaj solenaĵo ;

Je la 11a : Demeto de floroj ĉe la monumento al la Mortintoj ;
Je la 11,30a h. : Oficiala Akcepto en la Urbdomo ;
Je la 13a : Komuna Tagmanĝo.
Posttagmeze : vizito de la urbo aŭ kunrestado.

La aliĝo al la festoj estas senpaga, sed la partoprenontoj ensendu aliĝilon al S-ro T. Demarche, rue des Hospices, 59, Verviers, kiel eble plej baldaŭ, kun mendo eventuala de ĉambro en hotelo, je prezoj inter Fr. 75 por unu kaj Fr. 125 por du personoj, kaj por la tagmanĝo, kiu kostas inter 35 kaj 65 frankojn.

La organizantoj kompreneble esperas ke ĉiuj Belg-Ligaj Grupoj estos reprezentataj per delegacio.

## 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Varsovio — 1. 8 aŭgusto 1959

Sub honora protektado de la Ministro-Prezidanto de Pola Popola Respubliko JOZEF SYRANKIEWICZ

N-ro 1 — OFICIALA KOMUNIKO — Oktobro 1958

**Adreso :** Por korespondado sufiĉas la adreso : 44-a Universala Kongreso de Esperanto, Varsovio, Pollando.

**Banko :** Narodowy Bank Polski, Warszawa, VII.OM. n-ro 1531-9-525.

**Kotizoj :** La kongresaj kotizoj estas kalkulitaj en usonaj dolaroj. Ĝis fino de decembro validas jenaj kotizoj : Kongresano : 6 ; Edz(in)o : 3 ; Junul(in)o ĝis 20 jaroj kaj studentoj : 2.

Individuaj membroj de U.E.A., t.e. membroj, kiuj ricevas minimume la Jarlibron, rajtas rabaton de $ 1. Edz(in)o de Individua Membro ricevas rabaton de $ 0,50.

La kotizo rajtigas senpagan partoprenon en ĉiu programo organizita de la Loka Kongresa Komitato kaj la regulan ricevon de la kongresaj dokumentoj : oficialaj Bultenoj, Kongresa Libro, insigno. k.a. Oni povas aliĝi ĉu rekte per Banko, ĉu ĉe la Perantoj.

**Societaj Vesperoj :** La Loka Kongresa Komitato petas ĉiujn lokajn Esperanto-Societojn tra la mondo organizi almenaŭ unu informvesperon pri Varsovio kaj Pollando, mendante ĉe la Kongresa Oficejo jenan disponeblan materialon :

a) BAZA ARTIKOLO POR PRELEGOJ PRI VARSOVIO ;
b) MAGNETOFONO PROGRAMO PRI VARSOVIO : ĉ. 15' muzika kaj parol-surbendigo ;
c) TURISMAJ BROŜUROJ EN ESPERANTO PRI VARSOVIO.

La supre menciita materialo estas senpage disdonita de la Kongresa Oficejo al priinteresitaj lokaj societoj regule aliĝintaj al Landa Asocio.

**Vizoj :** La polaj aŭtoritatoj decidis, ke la kongresanoj ricevos 50 % rabton de la kosto por enirvizoj ; grupoj kaj karavanoj pagos nur 1,50 dolaron (B.Fr. 75). La internaciaj aŭtomobil-triptikoj validas en Pollando. Pluaj detaloj aperos en venonta komuniko.

**Zamenhofaj Festoj :** La 44-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio, urbo kie D-ro Zamenhof ellaboris sian genian verkon, solene festos, per apartaj ceremonioj, la centjaran datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

**Magnetofona programo pri Pollando kaj Varsovio :** La 15-minuta muzika kaj parola bendo (rapideco 9,5) enhavas inviton de la ĉefurbestro de Varsovio Zygmunt Dworakowski kaj bonvenigajn salutojn de la prezidanto de LKK, A. Rajski, kaj de la K.K.S.

**Statistiko** (ĝis fino de decembro) montras 281 entute el 28 landoj (kompare : en 1957 je la sama dato : 201 el 25 landoj) Por Belgujo : 8.

G. C. Fighiera K.K.S.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Generala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

## REPAGO DE KOTIZOJ.

Kiam vi ricevas tiun ĉi numeron de nia revuo, la jaro 1958 ne jam tute forpasis . . . Restas ankoraŭ kelkaj semajnoj.

Tiu ĉi numero tamen estas la lasta de tiu ĉi jaro . . . Estas do la lasta, en kiu ni povas peti de vi, ĝustatempe, ke vi ne atendu tro longtempe antaŭ ol repagi vian kotizon.

Jam de diversaj jaroj, ni konservis kaj ankoraŭ konservos por la jaro 1959, la saman ne plialtigitan kotizon de Fr. 100 por tuta jaro de membreco al loka grupo, al nacia ligo, al universala asocio, kun abono al nia revuo, kiu, nekontesteble, bele aspektas kaj prezentas al vi, en la daŭro de unu jaro, pli ol cent paĝojn bone redaktitajn en nia lingvo kaj en kiuj notinda parto respegulas la movadon en nia lando kaj en la mondo.

Por ne devigi nin presigi nenecese pliajn ekzemplerojn de la unuaj numeroj de la jaro 1959, ni petas vin : pagu kiel eble plej rapide, pagu TUJ vian kotizon por tiu ĉi jaro . . . Kaj pripensu samtempe, ke en la granda Jubilea Jaro, la Zamenhofa Jaro, neniu rajtas kontentiĝi pri ordinara simpla membreco al U.E.A. sed ke ĉiuj devus, laŭpove, apogi nian universalan Asocion, iĝante almenaŭ Membro kun Jarlibro, aŭ, ankoraŭ pli bone, Membro-Abonanto al la cetere tre alloga revuo " Esperanto ".

La poŝtĉeknumerojn de via Grupo aŭ de nia Ligo (por la izoluloj), ĉiuj trovos aliloke en la nuna numero.

ANTVERPENO

**Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »**
(Poŝtĉeknumero : 726.54)

La 29an de aŭgusto diversaj membroj raportis pri sia libertempo. F-ino A. Enzlin montris bildojn pri la I.K.U.E.-kongreso en Vieno, kie oni inaŭguris statuon de D-ro Zamenhof. S-ro F. Schellekens per belegaj diapozitivoj memfaritaj kvazaŭ refaris sian vojaĝon al la lazura marbordo kaj per sprita lingvo vekis la gajecon de la ĉeestantoj, same kiel S-ro R. Van Eynde kiu, kun edzino, vojaĝis (post partopreno al la U.K. en Mainz) tra la suda parto de Germanujo kaj per multaj detaloj kaj lumbildoj montris la belecon de tiu granda najbara lando. Por konkludi la Prezidanto S-ro M. Jaumotte raportis pri ekskurso al Heidelberg, organizita dum la U.K. en Mainz.

La 5an de septembro S-ino Merckx daŭrigis la raportadon pri la libertempaj vojaĝoj. Ŝi vizitis la nordan parton de Francujo kaj uzis tian « kernan » lingvon kian nur ŝi kapablas aŭdigi. Per abundeco de fotografaĵoj, ŝi pres-

kaŭ plenigis la tutan programon. Organizo de « Paroliga Kurso » estis decidata kiun gvidas S-ro Luc De Marré ĉiun vendredon dum duono da horo antaŭ la komenco de la kunsido.

La 12an, angla samideano S-ro L. Horsky, en tre flua, bonstila Esperanto, paroladis pri la vivo de « Rembrandt » kaj montris belegajn, kolorigitajn diapozitivojn pri la ĉefverkoj de tiu granda pentristo. Per varmaj kaj trafaj vortoj la Prezidanto S-ro M. Jaumotte dankis.

Lundon, la 15an elementa kurso komenciĝis en la lernejo de Belgiëlei kaj kiun gvidas S-ro L. De Marré. Enskribiĝis 15 personoj. S-ro M. Jaumotte faris la tradician enkondukan paroladon.

La 19an, Hispanaj gastoj, S-ro Moleira kun edzino, vizitis la grupon kaj parolis pri « Hispanujo, lando de Don Kiĥoto ». En tre bona, belsona Esperanto la paroladisto klarigis la diversajn aspektojn de la socia vivo en sia lando kaj tion ilustris per amuzaj anekdotoj kaj ekzemploj. La duan parton de la vespero (3a serio de « Tra la Mondo »: Svisujo) partoprenis F-ino M. Hofkens. S-roj L. De Marré kaj R. Van Eynde, kiuj ilustris siajn paroladetojn per belaj lumbildoj.

La 29an, la unua kabareta vespero de la sezono estis prezentata. Kunlaboris kiel gasto: Fraŭlo Eddy Bogaerts, kiu majstre manipulas la harmonikon. F-ino Yv. Cools, S-roj P. Flament kaj F. Schellekens bonege interpretis la diversajn rolojn en la skeĉoj kaj S-ro H. De Roover kun edzino Paula kaj filo Paul lerte prezentis gantpupan teatraĵon de li verkitan. Li konstruis mem la instalaĵon, tiel ke ĝi estas facile malmuntebla. S-ro J. Verstraeten enkondukis la tuton kaj flegis la reĝion. S-ro F. Schellekens prizorgis la dekorojn kaj S-ro A. Van Dessel respondecis por la lumaranĝoj.

La 3an de oktobro, S-ro R. Balleux paroladis pri sia vojaĝo al « Hispanujo ». Per amaso da lumbildoj li skizis siajn travivaĵojn, substrekante la tipe hispanajn aferojn: festojn, la multajn loteriojn, la vagonarojn, k.t.p. Dum la dua parto de la vespero, F-ino A. Enzlin montris kolorfilmon memverkitan pri sia vojaĝo al Hispanujo kaj la Nord-Afrika marbordo. Ŝi bone ĝin komentariis.

La 10an, la du fratinoj H. kaj M. Hofkens organizis amuzan vesperon, lerte kaj sprite kunmetitan kaj kiu vere kreis gajan kaj amuzan atmosferon.

Jaŭdon, la 16an, laŭ invito de la universitataj studentoj, S-roj Maur. Jaŭmotte kaj Luc De Marré paroladis en Loveno por enkonduki novan Esperantan kurson.

La 17an, S-ro J. Jacobs paroladis pri « Jugoslavio », kiun li vizitis kun edzino. Helpe de multaj lumbildoj, li sukcesis doni al la aŭskultantoj kompletan ideon pri la vivo, la kutimoj kaj moroj de la popolo en la suda landparto. La paroladisto rakontis di-



## Esperanto-Ekspozicio en Bruĝo.

La Bruĝa Grupo organizis la 12an, 13an kaj 14an de septembro ekspozicion de esperantaĵoj en la teretaĝa salonego de la Urba Koncertejo de Bruĝo, kiu estas vere bela kaj konvena.

Tiu ekspozicio estis solene malfermata de la urbestro, S-ro. P. Van Damme, vendredon 12an, je la 4a posttagmeze.

La grupa prezidanto, S-ro. Ch. Poupeye, bonvenigis lin kaj rememorigis la multajn pruvojn de simpatio, kiujn la grupo ricevis de la urbestraro kaj ankaŭ aludis pri kelkaj aliaj, kiujn la grupo ankoraŭ dezirus ricevi.

Al tio S-ro. Van Damme afable respondis, certigante sian personan apogon, post kio li malfermis la ekspozicion kaj vizitis ĝin tre detale, petante multajn klarigojn.

Post tio, kaj precipe dum la du sekvantaj tagoj, vizitis ĝin preskaŭ 3.000 personoj, inter kiuj la Skabeno por Financoj, la direktoro de la urbaj muzeoj, diversaj advokatoj, pastroj kaj aliaj intelektuloj.

La ekspoziciaj paneloj, bonvole pruntedonitaj de la Antverpena grupo " La Verda Stelo ", montriĝis tre praktikaj kaj eĉ vekis interesiĝon de ekspoziciaj fakuloj.

Centoj da libroj el la grupa biblioteko aŭ apartenantaj al membroj aŭ ankaŭ pruntedonitaj de Belga Esperanto-Instituto, plenigis multajn tablojn kaj vekis grandan interesiĝon ĉe la publiko.

Krom tio diversaj ensendaĵoj altiris la rigardojn : tablo kun korespondaĵoj el multaj landoj, kolektitaj de S-roj. R. Behaeghel kaj R. Lagast kaj plie ornamitaj per ravaj pupetoj en naciaj kostumoj plej arte faritaj de F-ino. A. Van Vyve ; granda stelo pri la turismaj servoj de Esperanto, kunmetita de S-ro. C. Tousseyn ; porblindulaj legaĵoj senditaj de S-ro. Koeune kaj ne malpli la belegaj pentraĵoj de S-ino. S. Verbeke-Vanden Berghe, kiuj ornamis kelkajn murpanelojn de la vasta salonego.

Entute estis neantaŭvidebla, vere granda sukceso, kiu honorigis la iniciantojn kaj taŭge enkondukis la vintran agadon de la Grupo.

---

versajn humorplenajn travivaĵojn kaj pri la sindona servemeco de la jugoslavaj samideanoj.

La 24an, radiofona teatraĵo estis aŭdigata. « Nia kara Panjo » estas la titolo laŭ temo de S-ro A. Verhoeven kaj adaptita de F-ino E. Van der Weken. La pluraj roloj estis temperamentplene interpretataj de F-inoj Yvonne Cools, Maryvonne Dehertoghe, C. Peeters kaj S-roj F. Aertssens, A. Duchesne, P. Flament kaj Fr. Schellekens. S-ro J. Verstraeten enkondukis kaj S-ro J. Montmirail prizorgis la aparataron kaj la sondekoron.

La 31an, okazis mitulvespermanĝo en Billard-Palace. 45 membroj partoprenis al la festeneto. Kelkaj membroj prizorgis amuzan programon dum la dua parto de la vespero. F-ino Yv. Cools, S-roj F. Aertssens kaj F. Schellekens prezentis skeĉon, kiu rilatas al mituloj kaj havis multan sukceson, same kiel S-ro A. Peper kiu senlace pianludis kaj S-ro L. Van Bulck, kiu prezentis sian kant-repertuaron al kiu li aldonis du novajn kantojn tre bone tradukitajn de S-ro L. De Marré. Per agrablaj ludoj kaj intima dancado finiĝis denove bela vespero.

**Programo de la venontaj kunsidoj :**

Ĉiuvendrede en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4 je la 19.45a paroliga kurso;

posse kunveno, je la 20,15a h. (Ia etaĝo).

**Decembro**: La 5an: Sankta Nikolaa atmosfero; la 12an: ZAMENHOFA VESPERO, verŝajne en la signo de E.K.I.: la 19an: Tra la Mondo, 4a serio « Anglujo »; la 26an: Kristnaska atmosfero — Rerigardo de la jaro.

**FAMILIA VIVO**

Nekrologo:

Kun vera surpriziga doloro, la membroj de la Grupo eksciis pri la subita morto, en Lieĝo, de la vere simpatia kaj sindonema membro S-ro L. Deroisy, kiu, — kvankam suferanta pro nekuracigebla malsano, — tamen daŭrigis sian ĉiutagan laboron kaj iom regule, krom ĉe tre malvarma vetero, ĉeestis niajn kunsidojn.

Li survoje al amika domo en Lieĝo teren falis... La koro jam haltis.

Kaj lia foriro kaŭzis veran ĉagrenon inter la multaj amikoj, kiujn li kaj lia filo, nun en Parizo, havas en niaj rangoj.

Ni prezentas al lia edzino, membrino subtena de nia Grupo, kaj al lia filo Willy la esprimon de nia profunda kunsento.

BRUGO
**Bruĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉekkonto n° 4835.33)

Post la aŭgusta libertempo la grupo unuafoje denove kunvenis, en la sidejo « Cornet d'Or », la 2an de septembro, kie la ĉeestantoj reprenis kontakton.

La kunveno de la 9a estis dediĉata al preparado de la Esperanta ekspozicio, kiu okazis de la 12a ĝis la 14a, kaj pri kiu estas raportata aliloke.

Sekve al la granda sukceso de tiu ekspozicio, malfermiĝis la 16an de septembro nova elementa kurso kun tre kontentiga nombro da novaj gelernantoj. Post la unua leciono, sekvis interkonatiga kunveno inter la novaj gelernantoj kaj la malnovaj gemembroj.

La kurso plie daŭriĝis ĉiumarde dum la unua horo kaj estis ĉiufoje sekvata de kunveno. Dum tiu de la 23a de septembro, estis aŭdigataj la Esperanto-diskoj novakiritaj de la grupo.

La kunveno de la 30a de septembro estis ĉefe dediĉata al organizado de la balo de la 18a de oktobro kaj ankaŭ al raportado pri la sukcesinta ekspozicio de esperantaĵoj.

La sekvinta kunveno okazis escepte merkredon, 8an de oktobro: Portretludado estis instruata al la novaj gemembroj.

La 14an de oktobro, la prezidanto, S-ro Ch. Poupeye anoncis kun ĝojo ke la grupo reatingis sian centan membron, kiu estas S-ro. Armand Van Parys, patro de la tri fidelaj grupaninoj F-inoj Van Parys, kaj mem estinta membro de la grupo.

La unua balo de la nuna vintra sezono okazis sabaton 18an de oktobro en la salonego « Concordia ». Estis denove sukceso kaj la plej ĝoja atmosfero regis ĝis la 3a matene.

Pri tiu balo estis detale raportata dum la kunveno de la 21a de oktobro.

Dum la humora vespero de la 28a de oktobro estis rakontataj kelkaj humorajoj, ĉefe de F-ino M. Willems; post kio okazis komuna legado kaj klarigado de B.E.

**Programo de la venontaj kunsidoj**:

Ĉiumarde, je la 8a vespere, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », Placo Simon Stevin, 2. (Tel. 314.59)

**Decembro**: la 2an: Legado de B.E.; la 9an: Sta-Nikolao-festo. Surpriza vespero: ĉiu alportu nekonatan premion; la 16an: Kanta vespero; la 23an: Parolado de Sro R. Behaeghel pri « Interplanedaj vojaĝoj »; la 30an: Legado aŭ ludado de teatraĵeto.

**Gratuloj**

Al F-ino Monique VERBOUWE, kiu fariĝis la 4an de oktobro S-ino Wilfried Van Hee.

Al S-ino VUYLSTEKE-BARTHOLOME kaj al S-ino BARTHOLOME-CAERELS, pro naskiĝo de filo kaj nepo: Geert.

Al Ges-roj Karlo POUPEYE-ROOSE kaj al Ges-roj Ch. POUPEYE-HINDERYCKX, pro naskiĝo de filino kaj nepino: Veerle (20-7).

Al F-ino Christine VAN PARYS, pro ŝia diplomo kiel mezgrada instruistino pri korpa eduko.

BRUSELO
**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)

La 1an de septembro, iama membrino de la Grupo, S-ino Sindhwad, kiu nun loĝas en Usono, paroladis pri « Chicago » kaj donis pri la vivo tie tre interesajn detalojn, kiujn S-ro Swinne tradukis franclingve por la kelkaj neesperantistaj ĉeestantoj de tiu ĉi kunveno.

La 8an, sekvis parolata ĵurnalo sed, pro manko de tempo, nur kelkaj membroj povis legi sian tekston.

La 15an, ĉeestis diversaj eksterlandaj samideanoj, inter kiuj aŭstraj fervojistoj, gvidataj de S-ro De Bruyne, argentina pastro kaj G-roj Moleira, hispanaj gesamideanoj. S-ro Moleira faris viglan paroladon pri sia lando kaj respondis diversajn demandojn al li faritajn. La argentina pastro salutis la grupon kaj S-ro De Bruyne montris propagandajn filmojn pri reciproka vizito.

La 22an, okazis la perfektiga leciono, gvidata de S-ro D. van der Stempel kaj la 29an, parolado pri vojaĝo al « Jeruzalemo ». Tiu ĉi parolado estis farota de F-ino Maryv. De Hertoghe, el Antverpeno, sed, ĉar si malsanetiĝis, estis S-ro A. Duchesne, ŝia fianĉo, el Loveno, kiu legis ŝian paroladon kaj projekciis la belan filmon de li faritan pri ilia komuna vojaĝo tra diversaj eŭropaj landoj al Izraelo.

La 6an de oktobro, okazis la daŭrigo de la antaŭa parolata ĵurnalo kaj la 13an oni aŭskultis sonbendon, senditan de S-ro Claude Piron kaj lia fianĉino, el Nov-Jorko, sed oni, post kelkaj minutoj, devis rezigni pro nebona surbendigo al la aŭskultado de alia sonbendo, farita de S-ro Sponar pri la esperanta literaturo.

La 20an de oktobro sekvis plia leciono de S-ro D. vander Stempel kaj la 27an la grupanoj reciprokis al S-ro Claude Piron, sendante al li bendon, kiun ili dum la kunsido kunmetis kune.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

**Decembro**: la 1an: parolata ĵurnalo; la 8an: memorigo pri la dekjara datreveno de la Universala Deklaracio de la HOMAJ RAJTOJ, fare de S-ro Hector Castel; sekvota de KORBA VESPERO; la 14an: EKI-ZAMENHOFA FESTO en festsalono de la Centra Stacidomo, je la 15a h.; la 15an: perfektiga kurso, gvidota de S-ro van der Stempel; la 22an: kuna rerigardo al

La urboj BONN kaj SAARBRUECKEN eldonis Germanlingvan prospekton kun aldono en Esperanto. Ambaŭ estas senpage haveblaj por SaBr. ĉe S-ro Jakob Schenkel (18) Neu-Aschbach Post Klarenthal Saar kaj por Bonn ĉe S-ano Ernst Kind Nordstrasse 97 Bonn.

---

la jaro, gvidota de F-ino Huysmans; la 29an: SANKTA SILVESTRA FESTO, gvidota de S-ro Jirousek, i.a. danco de Nadine BAUDOUR.

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**

La 3an de septembro la Grupo malfermis novan kurson en publika lernejo « La Digue » en Charleroi. Tiu kurso okazas ĉiun merkredon vespere de la 19.30 ĝis la 21 h. kaj estas nun aŭskultata de 19 lernantoj. Samtempe en kafejo « Le Globe », okazas la kunvenoj de la grupo, gvidataj laŭvice de unu membro.

La 14an, ni havis la plezuron akcepti S-ron B. Vogelmann, sekretarion de Esperanto-Rondo en Crailshem. S-ro Vogelmann, kiu estas plie protektanta kaj efektiva membro de la Grupo, klarigis kelkajn impresojn pri la Kongreso de Mainz, kiun li ĉeestis. Dum tiu renkonto, afable organizita de S-ino Paulus, naskiĝis ideo pri konkurso inter la du grupoj, celante krei kaj ampleksigi la amikajn rilatojn. Tiu konkurso temas pri la nombro de la novaj varbitaj membroj, pri la nombro de la sukcesintaj novaj lernantoj kaj pri la nombro de la eksterlandaj korespondadoj. Ĝi finiĝos la 1-an de Aprilo 1959. Plie ni proponis al Crailshema Rondo ĝemeligi la du Grupojn, daŭrigante amikajn rilatojn.

La 9-an de Oktobro, S-ro de Cuyper prelegis franclingve pri Esperanto, en « Le Résidence », en Charleroi. Tiu prelego tre plaĉis al la aŭskultantoj kaj sekve enskribiĝis tri novaj lernantoj.

De la 20-a de septembro, ni disponas ĉiu-dusemajne en « La Nouvelle Gazette » pri esperanta Kroniko. Jam kvar longaj artikoloj aperis. Bonega propagando, kiu jam alkondukis du novajn lernantojn. S-ro de Cuyper prizorgas tiun fakon.

La Grupo starigis ankaŭ leteran kurson. Jam kvin personoj petis enskribon. Ĝi estos gvidata de S-ro Paulus.

Kiel propagando, ni disdonis al varbebla publiko 100 seslingvajn faldfoliojn.

Laŭ peto de « Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj », kelkaj membroj fariĝis « Onklo » de junaj angloj.

**KORESPONDANONCOJ :**

1) Erwin De Beuc RIJEKA Titov trg. 6/11 Jugoslavujo Kroata ĵurnalisto. Pri intelektaj, statistikaj temoj.
2) Vit Sindler OPAVA Kvlešouska 26 Ĉekoslovakujo interŝanĝi fotojn kaj poŝtmarkojn.
3) S-ro Kjosuke Jukimura 3, Simmei-ĉo AKAŜI Hjqo-ken Japanujo (pri kokbredo)
S-ro Shoichi Sakurai 3, Simmei-ĉo AKAŜI (pri elektro kaj aŭtomobilo)
F-ino Soko Fuzimoto 3 Simmei-ĉo AKAŜI 22 jara bankistino
F-ino Miĉiko Tamaki 3 Simmei-ĉo AKAŜI 21 jara poŝtistino
S-ro Hirokazu Tani Hajaŝi-Mijanoŝita AKAŜI 13-15 jaraj liceanoj de ĵurnalfako en lernejo Kinuqaŭa Ĉjuqakko Simbunbu. Minami-Ozi-ĉo AKAŜI.





**« Unitarismo-Realigita Homaranismo »**
eldonis E-o. press Oakville Ontario Kanado 1958 60 paĝoj. Kompilita kaj el la Angla tradukita de Rüdiger Eichholz Prezo : 0,75 Us. Dol.

Ni povas rekomendi tiun-ĉi broŝuron al ĉiuj kiuj interesiĝas pri religioj ĝenerale kaj pri Unitarismo speciale. Ili trovos en ĝi ĉion necesan : la kredon, la organizon, iom da historio, la flankagadojn de la Unitarismo, ĝiajn principojn pri edukado ktp. Venas poste tekstoj de kelkaj fundamentaj konferencoj pri la Unitarismo. En aparta folio kun demandaro, la verkinto petas por ke la legantoj sciigu al li siajn opiniojn. Li aldonas ke, se li ricevas multajn de tiuj folioj, tio faros impreson ĉe la gvidantaro de la movado kiu eble pro tio favoros Esperanton. Rüdiger Eichholz kredas ke la revo de Zamenhof, la Homaranismo, estas realigita en la Unitarismo ; ke tiu religio kapablas unuigi ĉiujn homojn sendepende de ilia propra kredo. Do, tiu religio devas esti tre ĝenerala ; kaj fakte entenas tre malmultajn kredojn. Ĝi pli detruas dogmojn ekz. tiun de la Triunuo. Oni demandas al si kiel Unitaranoj komprenas partojn de la Evangelioj kie Jesuo parolas pri sia Patro en la Ĉielo ? Inter la kredoj troviĝas tiu pri « boneco de la homoj ». La Unitarismo celas ankaŭ modernigi la Kristanismon ; tial malakcepto de mirakloj kaj de persona Dio.

---

Tiuj leteraj rilatoj estas bonega ekzerco por la praktiko de la lingvo.

**Programo de la venontaj neordinaraj kunvenoj :**

**Novembro:** la 14-an S-ro de Cuyper faros novan propagandan prelegon en « Université du Travail » en Charleroi; la 16-an, ni festos la 51an datrevenon de la Grupo per festeno, kiu okazos en la restoracio « Le Suisse », en Charleroi; la 21-an: la prezidanto prelegos en la Urbdomo de Charleroi. Tiu prelego, organizota de la Grupo, temos pri Indo-Ĉinujo kaj estos farata franclingve, kiel propagando.

**Decembro:** Du el niaj membroj: S-roj Brav kaj Devillez parolos laŭvice pri la Deklaracio de la Homaj Rajtoj kaj pri D-ro Zamenhof, okaze de la Zamenhof-Tago.

La 13-an kaj la 14-an, delegacio de la Grupo iros al Verviers por tutkore partopreni la Oran Jubileon de la verviersaj samideanoj.

Dum decembro, nova lernanto S-ro M. Colinia prezentos esperantan filmon pri Hiroshima. La karloreĝaj Mondcivitanoj petis, ke ni traduku la esperantan tekston por ilia uzo.

LOVENO

**Parolado kaj kurso**

La 16an de oktobro, nia Liga prezidanto S-ro Maur. Jaumotte, akompanata de nia bona antverpena samideano S-ro Lic. Luc De Marré, venis al Loveno, por fari, en la studenta hejmo de la Jan Stasstraat, kaj je invito de Esperantista Studenta Rondo, paroladon por la studentoj, kiuj interesiĝas pri nia afero kaj eventuale dezirus sekvi kurson.

Prezentita de S-ro Nico Blondeel, prezidanto, S-ro Maur. Jaumotte en agrabla kaj klara lingvo pritraktis la tutan helplingvan problemon kaj ĉiuj aŭskultantoj ŝajnis vere interesitaj per liaj klarigoj. Ambaŭ vizitintoj poste respondis al diversaj demandoj faritaj; kaj tuj evidentiĝis la dezirindeco pri organizo de speciala kurso por la kandidatlernantoj, kiuj jam tiun saman vesperon enskribiĝis.

Ĵaŭdon, la 30an de oktobro, S-ro De Marré komencis do sian kurson.

La studenta grupeto cetere intencas aktive agi kaj propagandcele organizis ĵaŭdon, la 6an de novembro, en la salono « Corso », Diestse straat, grandan balon, kiu estis do, ni diru, la enkonduko al nova vintra laboro.

Aliflanke, laboras en Loveno ankaŭ la « Loveno Esperantista Arcto », kiu konsistas el membroj de nia Ligo kaj ankaŭ de diversaj aliaj ligoj aŭ asocioj kaj kiuj, de pasinta jaro, jam tre bone kunlaboras.

Tiu kunlaboro ekkomencis la 8an de majo, kaj de tiam okazas regule kunsidoj, ĉiujn unuajn kaj triajn ĵaŭdojn de la monato: la unua Ĵaŭdo estas rezervita al oficialaj kunvenoj, la tria al amuzaj vesperoj. Tiuj kunsidoj nun povas okazi en taŭga salono, metita je la dispono de la Grupo fare de la urbestraro, en la Turisma Domo de Loveno.

Tie jam okazis diversaj paroladoj, nome de S-ino A. Meurrens, pri « La Sekretoj de la Kartoj » kaj « Keramiko » kaj de S-ro F. Neefs, pri « Korsiko », kun lumbildoj. Diversaj aliaj paroladoj estis ankoraŭ antaŭviditaj dum tiu ĉi sezono; sed estis prokrastitaj aŭ estas ankoraŭ okazontaj. Ekde proksima jaro, ni publikigos regule la programojn ensenditajn de tiu grupo.

# Enigmoj

Sur ĉiu linio de la suba figuro oni devas meti du vortojn laŭ la donitaj difinoj. Por kontrolo dum la solvado oni scias ke a) en la mezaj faketoj de la figuro sur ĉiuj linioj la lasta litero de la unua vorto samtempe ĉiam estas la komenclitero de la dua vorto. b) la literoj en la vico 24 de supre malsupre formas proverbon c) same estas por la vico 25 en kiu oni legos alian proverbon. (vidu p. 107)

---

# Gutoj ...

**Infanoj verkas geografian libron.**
En la kolekto « La Infanoj de la Mondo », eldonita en Japanujo, estas anoncita la apero de kvin novaj volumoj pri la Aziaj Landoj, Orienta kaj Norda Eŭropo, Okcidenta kaj Suda Eŭropo, Ameriko, Oceanio kaj Afriko, tute verkitaj de infanoj. Same kiel por la 15 volumoj jam aperintaj, la volumoj kolektos priskribojn, desegnaĵojn kaj fotografaĵojn pri la propra naskiĝloko fare de diversaĝaj etuloj. La kontribuaĵoj estas kolektitaj nur en la Internacia Lingvo Esperanto.

**Kvar literaturaj gazetoj en Esperanto.**
La tutmonda organizaĵo, Universala Esperanto-Asocio, kies sidejo estas en Rotterdam, informas ke nuntempe regule aperas en la mondo kvar grandaj literaturaj gazetoj en la Internacia Lingvo. Unu el la plej malnovaj estas « La Suda Stelo », granda revuo, specialiĝita pri makedona literaturo, kiu estas eldonata en Jugoslavio. « Norda Prismo », eldonata en Svedujo, diskonigas ĉefe la skandinavan literaturon kaj kulturon, kun aparta atento al la islandaj kaj finnaj verkoj. En Nico estas publikigata la « Nica Literatura Revuo », sub la redaktado de la konata Esperanto-verkisto, Prof. G. Waringhien, kies ĉefverko estas la traduko en Esperanton de « Les Fleurs du Mal » de Baudelaire. « Nuntempa Bulgario » aperas en Sofio kun luksa aspekto kaj krom la literaturon ĝi studas ankaŭ la historion kaj geografion de la lando. La literaturaj gazetoj en Esperanto estas legataj de tre internacia publiko : ili havas gravan rolon por la diskonigo de la kulturaj valoroj, ĉefe de malgrandaj nacioj.

**Norvegujo eldonas filmon en Esperanto**
Por propagandi la turismajn belecojn de Oslo, la Norvega Turism-Asocio jus eldonis novan filmon en Esperanto, kiu estos montrata tra la tuta mondo. En la lastaj jaroj pluraj landoj, inter kiuj Nov-Zelando, Bulgarujo kaj Jugoslavio, eldonis turismajn filmojn en la Internacia Lingvo.

**Lingvaj malfacilaĵoj kostas vivon.**
La 15-an de aŭgusto 1957 soveta aviadilo de la entrepreno « Aerflot », irante de Moskvo al Kopenhago, tra Rigo, kun 5 pilotoj kaj 23 pasaĝeroj, falis en la maron antaŭ ol alteriĝi al Kastrup, la flughaveno de la dana ĉefurbo. Ĉiu aviadilano pereis. La postaj esploroj pruvis, ke la piloto ne komprenis la navigaciajn instrukciojn, donitajn en angla lingvo. Antaŭvidinte la katastrofon, la instrukcianto en la flughaveno urĝe venigis rusan interpretiston, kiu tamen ne povis multe helpi pro nekono de la teknikaj esprimoj. La manko de komuna internacia lingvo kostis ĉifoje la vivon de 28 personoj.

**Radio-Budapest denove okupiĝas pri Esperanto.**
Post multjara silento, Radio Kossuth rekomencis montri sian intereson por la Internacia Lingvo dissendante prelegon pri la ĉefa Esperanto-poeto, D-ro K. Kalocsay. La majstroverko de K. Kalocsay estas la traduko en Esperanton de la « Infero » de Dante en dekkasilaba tria rimo, perfekte korespondanta al la orginala poezia formo. Multaj Dantistoj opinias, ke tiu traduko estas unu el la plej perfektaj, laŭ senca kaj harmonia fideleco, el la multaj ekzistantaj pri Dante.






La difinoj :

Sur la 1-a linio : inklina - vegetaĵo el familio de umbelacoj (R)
2-a angla grenobrando (R) - distancmezuro (R)
3-a arbo (R) - sufikso
4-a kontraŭa - ringforma koralinsulo (R)
5-a febra epidemia malsano (R) - tuto de la konsciaj kaj nekonsciaj spiritaj fortoj (R)
6-a sidilo (R) - ĥina laboristo (R)

7-a malgranda ilo, kun pinta ekstremoj, uzata de teksistoj - proponi al iu varon aĉetotan
8-a restoracia servisto (R) - fari mallongan kritikan raporton pri io (R)
9-a apogseĝo por pluraj sidantoj - speco de pasero kun agrabla kanto
10-a kurba nefermita linio, kiu konstante malproksimiĝas de sia deira punkto (R) - speco de paralelogramo (R)
11-a speco de enigmo - havanta formon de ovo
12-a batalanto en la cirkoj ĉe antikva Romo (R) - granda religia movado en la 16-a jarcento (R)
13-a osta parto de la piedo - tia estas la regiono de Meza Belgujo
14-a fora parenco (R) - gracia insekto (R)
15-a herbo el kies fadenoj oni faras teksaĵojn - balanciĝi alterne en kontraŭajn direktojn
16-a senpene farebla - tute ĵuse
17-a planko kovranta la kavon de ŝipo (R) - malfermaĵo de vulkano (R)
18-a stelo (R) - geometria figuro (R)
19-a libertempo (R) - osto en la pelvo ostaro (R)
20-a multenombra senorda kolekto (R) - tuto de la vertebroj (R)
21-a okazanta multe da fojoj (R) - tio pri kio oni parolas aŭ skribas (R)
22-a elstara parto de la masto (R) - prefikso
23-a malmola, kalkeca substanco (R) - ceremonia vira vesto de la antikvaj Romanoj (R)

Vicoj 24 kaj 25 de supre malsupre du trovotaj proverboj.

**Ŝakenigmo**

Serĉu, laŭ la ĉevalsalto en la ŝakludo, la kaŝitan proverbon en la ĉi-suba figuro. La majusklo estas la komenclitero de la trovota proverbo.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S | u | u | n | i | a |
| l | | s | s | | f |
| i | e | j | ĉ | s | r |
| k | o | e | a | o | e |
| m | ĉ | u | g | l | l |
| s | c | a | i | s | r |



# LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

**Antverpeno**

**Presejo „Espero"**, Dianalaan 180, Berchem.
**W. Van Nereaux-Ameryckx,** Overdekte Markt, 22-24, Van Wesenbekestr. — Viandisto.
**Hugo Jacques,** Lange Beeldekensstraat, 25. Presajoj Tel. 33.75.38
**„Schoenen BED"** (S-ino E. Bed), Lge. Gasthuisstr. 6. Ŝuoj Tel. 32.62.86
**G. Faes,** Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikajoj, instrumentoj, radio kaj gramofono Tel. 32.67.21
**Roger Jaumotte,** Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en tagĵurnaloj. Tel. 37.47.14
**K. Amerijckx,** Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. Tel. 45.81.07
**R. De Soete-Vanistendael,** Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %
**CL. Peeters.** Onderwijsstraat 68. Apotekejo Tel. 35.40.67
**Firmo van Iseghem & Verstraeten,** St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitrajoj — Speguloj. Tel. 37.88.20
**J. Van Nereaux,** Sterstraat 1. Viandisto Tel. 39.55.81
**H. Peeters,** Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen. : Neonlumo, Reklamoj. Tel. 81.48.47
**Verdijck,** St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. Tel. 39.06.07
**P. Peelman,** Volkstraat 34. Fumajoj — Pantofloj. Tel. 37.62.55
**A. van den Neste,** Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. Tel. 45.78.59
**„In 't Duifken" (S-ano Paesmans),** Lge Koepoortstr. 64 : Kostumoj (5 % rab.)
**Vino Max Bolsius,** Diepestr. 58-60 : Kuirejilaro. Tel. 32.57.85
**M. Philips, K.,** Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.
**P. van der Hoydonck-van den Buys,** Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksaĵoj — Mercerajoj. Tel. 74.27.86
**J. Montmirail,** Kortemarktstraat 53, Berchem. Arĥitekto. Tel. 39.58.66
**Morris de Ketelaere,** Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. Tel. 39.17.09
**S-ino Henny Jacques-de Ketelaere,** Lange Beeldekensstr. 31. Gramofonaj diskoj por meminstruado. Tel. 33.75.38
**J. Van Hoof,** Marialei 7. Pentraj-entrepenoj Tel. 39.35.33

**Bruĝo**

**Marcel Poupeye,** Elf Julistr. 32.Ĉiaj asekuroj en la tuta lando Tel. 371.93
**Charcuterie Strovi,** Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. Tel. 334.08
**Maison Joye,** Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. Tel. 332.75
**Firmo G. Verbeke,** Spinolarei 19 : Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Tel. 321.85
**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel,** Mariastraat 30. Konsumsalono. Tel. 338.34

**Bruselo**

**M. Jirousek,** 104 rue du Téléphone; reklamoj kaj litertipoj Tel. 18.77.67
**Farmaciisto Jacobs,** 94 rue général Eenens Bruxelles 3. Tel. 15.26.01
**„Bonbons Swinne",** 77 rue de Nieuwenhove. Tel. 44.57.36
**Carrelages „Carrat",** 19 avenue de Saxe. Tel. 21.74.49

**KOMERCISTOJ kiuj senkoste propagandas por Esperanto per reklamoj en siaj butikoj**

**G. Baeten,** Belpairestraat 53, Berchem. Frizitoj por sinjoroj. Tel. 39.22.81
**„De Boerinnekens" (Clem. Van Hassel).** Estro de la trinkejo en la Flandra Operdomo.
**A. Roels,** Montignystraat 155. Ledaj artikloj-Selisto. Tel. 37.14.07
**Librejo Schuttershof,** Schuttershofstr. 36 : luo, aĉeto. vendo de libroj.
**Vojaĝ-agentejo Pier Busseti,** Frankijklei 32 : privataj kaj grupvojaĝoj.